# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
16-a jaro N-ro 1 (60) aprilo 2017



## Enhavo



**Kovrilfoto: fotita de Liu Weijie, esperantisto el Shenyang， en marto 2017 en Changsha, Ĉinio.**

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro D-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ro Stefan MacGill, vicprezidanto de UEA
S-ino D-ino Veronika Poór, ĝenerala direktorino de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

En la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.
**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras priajn informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio, helpas kaj raportas koncernajn agadojn, retadreso: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluigo kaj fortigado de personaj ĝemelurbaj rilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso: miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro s-ro Nguyen Van Ha, retadreso: nghaverer@gmail.com
**Eŭropo**
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

## Invit-projekto de KAEM invitis la komisiiton al la 102-a UK

La Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM) iniciatis invit-projekton, nome plani inviti 15 aktivajn kaj ambiciajn membrojn el aziaj landoj al la 102-a Universala Kongreso de Esperanto okazonta en julio 2017 en Seulo, Koreio. Post serioza konsidero de la estraranoj la komisiono findecidis, ke la komisiito de la projekto Ĝemelaj Urboj estu unu el la elektitoj. KAEM enkondukis la projekton Ĝemelaj Urboj en la laborplano ekde 2004. La decido ne nur estas instigo al la longa laboro de la komisiito mem en la ĉina loka Esperanto-movado, sed subteno al la projekto Ĝemelaj Urboj. Mi kore dankas KAEM, kaj sincere esperas, ke ĝojiga situacio aperos en la Azia Esperanto-movado sub la nova estraro de KAEM.

Wu Guojiang

## Ŝanĝiĝis la respondeculo de VEA pri ĝemelaj urboj

Pro sia sanstato s-ro Nguyen Xuan Thu lasis la respondecon de Vjetnama Esperanto-Asocio（VEA）pri ĝemelaj urboj. S-ro Nguyen Van Ha transprenis tiun taskon. La projekto Ĝemelaj Urboj kore salutas kaj dankas s-ron Nguyen Xuan Thu, kiu per Esperanto faris kontribuojn por la ĝemelurba agado, samtempe kore gratulas s-ron Nguyen Van Ha kaj bondeziras al li progreson en tiu kampo. Biografieto pri li estas malsupre legebla.



Nguyen Van Ha naskiĝis en la 1-a de februaro 1955. Antaŭ la emeritiĝo li estis oficisto de eta ŝtata kompanio. Lia okupo estas fremdaj lingvoj, turismo, sportoj kaj korespondado.

Li esperantistiĝis en 1999. Li estas komitatano de Hanoja Esperanto-Asocio kaj VEA. Li partoprenis en multaj diversaj Esperanto-aranĝoj enlande kaj eksterlande, ekz. la 2-a kaj la 8-a Azia Kongreso de Esperanto en 1999 kaj en 2016, la 63-a IJK en 2007, la 97-a UK en 2012, la 99-a UK en 2014, la 103-a Japana Kongreso de Esperanto en 2016 kaj tiel plu.

Li scias, ke Hanojo ĝemeliĝas kun la franca urbeto Choisy-le-Roi kaj esperantistoj de ambaŭ urboj jam havis kelkajn E-renkontiĝojn. Li proponis, ke Hanojo ĝemeliĝu kun la pola urbo Lublin. Tiu propono ankoraŭ estas en diskuto, sed estas klare, ke la esperantistoj en Hanojo volas amikiĝi kiel ĝemela urbo kun ajna urbo en la mondo.

## Agadoj de la vicprezidanto



En la 101-a UK naskiĝis nova estraro de UEA. S-ro Stefan MacGill restas en la posteno de vicprezidanto, samtempe li surprenas la taskon respondeci pri ĝemelaj urboj en la kadro de la Asocio. Post la kongreso li aktive kontaktis priajn personojn kaj aktive diskutis pri evoluigo de la projekto inkluzive de la onta gvidstrukturo. Pri landaj aktivuloj li elmetis sespunktan planon kun la slogano "Ni pluiru kun ĜU"- t.e. Ĝemelaj Urboj, vidu sube. Krome li speciale verkis kaj publikigis artikolon "Potencaj ebloj – kadre de translimaj kontaktoj"

en n-ro 2 de “Esperanto”, 2017. Tio estas la tria longa artikolo pri tiu temo depost la starigo de la projekto. En ĝi li aldonis al la plano punkton, t.e. Krei angulon en la retejo de la LA por publikigi ĉiujn ekzistantajn E-ĝemeliĝojn. (la foto pri Stefan MacGill venas el n-ro 2 de “La Ondo de Esperanto” 2017)

Sespunkta plano de Stefan MacGill


Ĝemelaj Urboj | Ni pluiru kun ĜU

Potencaj ebloj – kadre de translimaj kontaktoj

Stefan MacGill

Ĝemelaj urboj estas laŭdinda kaj multjara programo, kiu aktive stimulas transkulturajn kontaktojn – celo proksima al la koro de esperantistoj.



1. Listigu ĉiujn ekzistantajn E-ĝemeliĝojn kun enlanda partnero.
2. Listigu ĉiun urbon en la lando kun kluba vivo aŭ kapablulo.
3. Malkovru la ĝemelurbojn de la potenciale kapablaj enlandaj urboj.
4. Esploru pri la E-vivo en tiuj urboj.
5. Malkovru potencialajn vivipovajn kunligojn, kontaktigu la ĝustajn homojn.
6. Sekvu kaj subtenu.

Notoj:

1. Ekzistantajn E-ĝemeliĝojn - fondjaro, historio, ĉesjaro se estas. Temos pri nelonga listo.
2. Urboj kun kluba vivo aŭ kapablulo - plie esploru pri ĜU-emo.
3. Malkovru la ĝemelurbojn de la potenciale kapablaj enlandaj urboj - el Vikipedio, la reto, aliaj fontoj. Ne indas laboregi listigi ĉiujn rilatojn, el kiuj 95% ne funkcios por Esperanto. Unue filtru, poste pluesploru.
4. Esploru pri la E-vivo en tiuj alilandaj urboj - tra Vikipedioj, landaj retejoj, LA, ILEI-sekcioj...
5. Malkovru potencialajn vivipovajn kunligojn, kontaktigu la ĝustajn homojn - gravas trovi la ‘motorojn’ , kiuj pelos la aferon antaŭen kun sufiĉa prudento kaj organiza kapablo.
6. Sekvu kaj subtenu - jen la tasko de la centraj kunordigoj.

## Memoraĵoj de esperantistaj geedzoj konservotaj en la Esperanto-Muzeo



La japanaj esperantistaj geedzoj Takeuti Yosikazu (1931-2005) kaj Takeuti Tomiko (1934-1998) estas konataj en Esperantujo, precipe en la ĝemelurba agado. Estas ili kiuj per Esperanto sukcese ĝemeligis la japanan urbon Takatuki kun la ĉina urbo Changzhou. Ili per oftaj vizitoj al Changzhou fortigis kaj vigligis tiun rilaton, i.a. s-ro Takeuti Yosikazu fariĝis esperantisto kiam li havis 15 jarojn. Li estis unu el la fondintoj de la Esperanto-Societo en Takatuki (EST), la unua prezidanto de KAEM kaj komitatano de UEA (1992-2004). En 2004 li estis elektita kiel honora membro de UEA.

Lastatempe memoraĵoj de la geedzoj kolektitaj kaj ordigitaj de EST estis transdonitaj de la Changzhou-a Esperanto-Asocio al la Esperanto-Muzeo en Zaozhuang-a Universitato, Ĉinio.

La memoraĵoj inkluzivas foto-aparaton, ekzempleron de la Plena Ilustrita Vortaro, librojn kaj fotojn de la geedzoj.

Prof. d-ro Sasaki Teruhiro el Japanio, eksprezidanto de KAEM, kaj s-ro Sun Mingxiao (Semio), vicĝenerala sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo, atestis la akcepton de la memoraĵoj fare de la muzeo. vidu la foton: Sasaki Teruhiro (maldekstre) kaj Semio.

Laŭ raporto de Sun Mingxiao

## Letero de la komisiito al la 6-a AK

2016-12-13

Estimataj Afrika Komisiono de UEA kaj Loka Komitato de la kongreso,
Karaj kongresanoj,

Okaze de la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto mi en la nomo de la UEA-projekto Ĝemelaj Urboj kore salutas vin.

Mi scias pri la Esperanto-movado pere de agadoj de s-ro Hans Bakker, sed mi vere kontaktas tieajn samideanojn pere de la projekto Ĝemelaj Urboj, ĉar mi volas intimigi interŝanĝon inter tieaj esperantistoj kaj tiuj de aliaj kontinentoj, kaj konstrui verdan ponton inter tieaj urboj kaj tiuj de la cetera mondo. Tiucele mi kontaktis samideanojn de Burundo antaŭ kelkaj jaroj, kaj ni faris por ĝemeliĝo inter Rumonge kaj urbo en Ĉinio efikajn laborojn respektive, ekz. verkadon de necesaj dokumentoj, kontaktadon kun urbaj instancoj ktp. Tio ne efektiviĝis pro objektivaj kialoj, sed ni kuraĝe provis la unuan paŝon. Komence Burundo preparis sin por tiu ĉi kongreso, tiam mi proponis kaj esperis ke ĝemelaj urboj povos fariĝi unu el la diskutotemoj de la kongreso. Nun mi ankoraŭ havas tian volon, ĉar mi esperas ke apliko de Esperanto en agadoj de ĝemelaj urboj povos fariĝi unu el la metodoj kiuj vigligas la movadon en Afriko, kaj esti atentata de diversaj instancoj.

Mi devas diri, ke UEA ĉiam alte taksas kaj prizorgas la projekton, kaj aktive kreas diversajn kondiĉojn por ĝia stabila evoluo, multaj esperantistoj estas sindone farint/antaj kontribuojn por ĝia progreso. Mi kredas ke pli multaj samideanoj de Afriko partoprenos en la projekto, ĉar mi vidas ke nia movado estas tie kreskanta kaj progresanta. Funebre al Hans Bakker mi verkis etan poemon. i.a. mi verkis tiel: "Kulturas vi verdan esperon. En l' afrika tero tiel vasta, Rikolto certe superos tulipon!" Sub penado de la diligentaj esperantistoj rikolto de la movado en Afriko superos tulipon kaj certas!

Plenan sukceson al la kongreso!

## Teddy (Cvi) Lowenkopf forpasis



La 19-an de januaro 2017 forpasis s-ro Teddy Lowenkopf en la aĝo de 95 jaroj. Li estis la plej aĝa esperantisto en Israelo. Li esperantistiĝis en 1937 en Budapeŝto kaj fariĝis flua parolanto, vizitis la tieajn Esperanto-klubojn kaj konatiĝis kun Kalocsay kaj Baghy. Li korespondis kun multaj esperantistoj el la tuta mondo, kaj havis grandan kolekton de Esperanto-libroj. Li kredis, ke Esperanto fariĝos interlingva ponto.

S-ro Teddy Lowenkopf tre subtenis la projekton Ĝemelaj Urboj, kaj okaze de la 10-jara jubileo de la projekto kaj la 40-a numero de "Informilo de Ĝemelaj Urboj" li speciale sendis gratulon al mi. Poste kontakto inter ni estas pli kaj pli ofta. Nur en 2013 li sendis al mi pli ol 100 fotojn, kiuj spegulas diversan vivon. La forpaso de Teddy Lowenkopf ne nur estas perdo de la Israela Esperanto-movado, sed perdo de la projekto Ĝemelaj Urboj.

Mi esprimas tristan kondolencon al li, kaj sinceran konsolon al lia familio.

Pacon, Teddy Lowenkopf.

La komisiito (foto el N-ro 162/163 de Israela Esperantisto, 2016/2017)

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### Vicurbestrino ĉeestis la Azian Kongreson



Inter la 3-a kaj la 6-a de novembro 2016 la 8-a Azia Kongreso de Esperanto okazis en la ĉina urbo Quanzhou kun la temo "Esperanto por azia kunlaboro en la reta epoko" kaj kun pli ol 270 partoprenantoj el 20 landoj kaj regionoj.

S-ino Zhou Zhenping, vicurbestrino de Quanzhou, ĉeestis la malferman inaŭguron kaj faris paroladon (vidu la foton). Ŝi diris, ke okazo de la kongreso ne nur forte ŝovas la disvastigon kaj popularigon de Esperanto en Ĉinio kaj Azio, sed estas bona ŝanco montri la unikan ĉarmon de la multkultura Quanzhou kaj praktiki kulturan kunlaboron kaj interŝanĝon. Espereble per la platformo de la Azia Kongreso la longa historio, koloraj kulturoj, riĉaj fruktoj de la socia kaj ekonomia evoluo de Quanzhou eliras el Azio kaj iras al la mondo, samtempe per Esperanto konstruiĝas amikeca ponto, kiu akcelas interŝanĝon kaj komprenon inter Quanzhou kaj diverslandaj popoloj en Azio kaj en la mondo, komune ŝovas ekonomian prosperon kaj evoluon, kaj progreson de socia civilizacio.

La kongreson ĉeestis ankaŭ s-ino Veronika Poór, ĝenerala direktorino de UEA kaj funkciulino de la projekto Ĝemelaj Urboj, kaj s-ro Chimedtseren Enkhee, sekretario de KAEM kaj respondeculo de la landa asocio Mongola Esperanto-Societo pri ĝemelaj urboj.

### La urbestro invitis la parlamentanojn al la inaŭguro de la Zamenhofa jaro



La 9-an de februaro 2017 la Parlamenta Grupo de la lingvo Esperanto kunsidis en la Pola Parlamento. S-ro Eduardo Kozyra, prezidanto de Pola Asocio Eŭropo-Demokratio-Esperanto, en la nomo de d-ro Robert Biedroń, la urbestro de Slupsk (Pollando), invitis la parlamentanojn al la inaŭguro de la Zamenhofa jaro, kiu okazos en la 6-a de aprilo 2017 en

la urbodomo. Okazos tie ankaŭ la oficiala malfermo de Esperanto-ekspozicio “130 Jaroj de Esperanto”.

El n-ro 168 de “Eŭropa Bulteno”, februaro 2017

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### **Virtuala vojaĝo al la ĝemelurboj de Nitra**

Claude Nourmont




Estis iom ŝoke, kiam mi eksciis fine de majo, ke ne estos ekspozicio pri la ĝemelurboj de Nitra. Estis programita grandioza akcepto, kun subvencioj de EU, sed ĉar la subvencioj ne venis, tio forfalis. En Lille Raymonde Coquisart organizis ekspozicion pri la ĝemelaj urboj. Ĝi estis ŝatata. En Bonaero, kie LKK havis malmultajn rimedojn, estis ekspozicio pri la ĝemelaj urboj (danke al sendo de poŝtkartoj fare de HORI Jasuo). Se oni sukcesis okazigi en Bonaero, ne devus esti problemo okazigi ĝin en Nitra, kiu havis multe pli da organizaj fortoj. Malfrue ni eksciis, ke nenio okazos, kaj ni prenis la defion okazigi tiun ekspozicion, kvankam neniu franca urbo estas ligita al Nitra.

Kompreneble estus pli bone, se loĝanto de Nitra tion farus, ĉar li pli bone konas la urbon Nitra, kaj eble la cirkonstancojn laŭ kiuj la urboj ĝemeliĝis. En ĉiu urbo ni klopodis kontakti esperantistojn, ĉu delegiton, ĉu konatulon loĝantan proksime de la koncerna loko. Ni estis bonŝancaj ricevi multe da respondoj. Tamen mankis la tempo por pli scii pri la ĝemeliĝo, entute kial la urbo estas partnero kun Nitra. Sed mi iom scivoleme esploris, kaj vikipedie lernis pri amaso da aferoj.

Nitra estas la plej malnova urbo de Slovakio kaj havas kompleksan historion, sub hungaroj, tataroj, husanoj, turkoj... En 1910 loĝis en la urbo 16 418 homoj (9754 hungaroj, 4929 slovakoj, 1636 germanoj). La urbo estis longe la ĉefurbo de la historia hungaria departemento Nyitra. En 1920 la regiono iĝis parto de Ĉeĥoslovakio. En 2011 loĝis en la urbo 78 351 homoj (70447 slovakoj, 1443 hungaroj, 521 ciganoj, 520 ĉeĥoj, kaj aliaj).

La ekonomia disvolviĝo ekis en la 19-a jarcento danke al la agrikulturaj aktivaĵoj. Laŭdifine ĝemelaj urboj estas urboj, kiuj interkonsentis pri speciala partnereco por kultura kaj eble ankaŭ ekonomia interŝanĝo. Kutime ĝemelaj urboj estas en diversaj landoj. Kutime ili estas pli-malpli samgrandaj, aŭ/kaj kun simila kultura fono, aŭ/kaj kun partnerigeblaj ekonomiaj interesoj.

Kutime... sed la partneroj de Nitra ofte ne enkadriĝas en tiuj kutimaj trajtoj. Mi havis multajn surprizojn !

Unua surprizo: Kiom da ĝemelurboj estas? Kiuj ili estas? La demando estas facila, la

respondo ne. Laŭ la diversaj retejoj (Esperanta, franca, slovaka, alilingvaj) la respondoj malsamis. Ŝajnas, ke la diversaj servoj nebone komunikas inter si, kaj ke la informoj ne estas ĝisdatigitaj. Estis grandaj diferencoj.

La ĝemeliĝoj komenciĝis relative malfrue. Unuan ĝemeliĝon ni trovas en 1972, kaj temas pri Kroměříž, urbo kiu nun estas en Ĉeĥio, sed kiu tiam estis en Ĉeĥoslovakio, same kiel Nitra. Temas pri urbo de ĉ. 30000 loĝantoj, do nete pli malgranda ol Nitra. Eble pro simila kultura fono. En Kroměříž estas ĉefepiskopa kastelo, en Nitra estas episkopa palaco.

Cetere Nitra havas aliajn geografie proksimajn partnerajn urbojn. Spišská Nová Ves (Slovakio) partneriĝis en 1999. Nu, nenio malhelpas, ke samlandaj urboj de malsama regiono ĝemeliĝas. Ne estas lingva problemo, kaj certe estas interesaj interŝanĝoj. Kaj en Ĉehio (sed jam post la disiĝo de la landoj) kun České Budějovice en 1994.

Tie estas bela kvadrata placo, en la tradicia stilo, kun belaj galerioj ĉirkaŭ la placo.

En Eŭropo, Nitra partneras krome kun Osijek (Kroatio, 1997). Interese estis, ke ĵus antaŭ la UK en Osijek okazis la kunveno de OSIEK. Alvenis el ĝi rekte al la kongreso pluraj homoj, i.a. Anne kaj Claude Jausions, kaj Višnja Branković, kiu raportis pri la aranĝo. Nitra ekpartneris kun la bela historia loko Veszprém (Hungario) nur tre lastatempe (2012). Ankaŭ Eva Golden de la Esperanta grupo de Veszprém partoprenis la kunvenon pri ĝemelaj urboj.

Pollando. Strange, ŝajnas, ke du aŭ tri urboj de Pollando partneras kun Nitra. Plej certa estas Zielona Góra, ekde 1992, kaj Kielce. Pri Suwałki, proksima al nia “sankta” urbo Bjalistoko, estas mencio nur en la franca vikipedia retejo. Mi ne povis ricevi konfirmon pri la partnereco.

Mi devis zorge atenti, ne miksi la urbojn, kiam mi kunmetis la fotojn: iuj el la polaj kaj la mezeŭropaj urboj havas iom similstilajn ĉefplacojn, aŭ kirkojn, aŭ historiajn stratojn…

Pri Zoetermeer (Nederlando), urbo tuj ĉe Hago, la stilo estas tamen alia. Kaj certe nekonfuzebla, en malsama parto de Eŭropo, estas Guadalajara en Hispanio, kun sia impona palaco.

La virtuala vojaĝo trairas la mondon. La urbo Nitra serĉis kontaktojn tra la tuta mondo, kaj de jaro al jaro ampleksigis la kontaktojn.

Kaj jen ekstereŭrope, el pluraj kontinentoj:

Interese, ke jam en 1988 Nitra starigis partnerecon kun la aŭstralia urbo Gosford. El Gosford ne estis problemo trovi fotojn, ĉar tie estas delegito de UEA Jonathan Cooper. La belaj strandoj, la haveno revigas nin… Nur kelkajn jarojn poste en 1993 estis ligo al la usona urbo Naperville. Ĝi estas antaŭurbo de Chicago, kie estas Esperanto-grupo. Malfacile havi karakterizan foton, povus esti en alia urbo de Usono, aŭ de eĉ alia lando.

Nitra estas ĝemeligita ankaŭ kun urbo de la venontjara kongreslando Korea Respubliko. Gyeongju estas urbo kun 264 000 loĝantoj, do multe pli granda ol Nitra. Estas en la urbo multaj arkeologiaj riĉaĵoj, i.a. la templo Bulguksa. Sed mia plej granda surprizo estis la ĝemeliĝo de Nitra kun Bački Petrovac (Serbio).

Urboj proksimaj, eĉ samlandaj, urboj foraj, urboj similecaj, kaj jen urbeto kun malpli ol 7000 loĝantoj, pri kiu stariĝas la demando: kial Nitra ĝemeliĝis kun tiu malgranda loko?

Kiam mi skribis al delegito de UEA en proksima urbo (je 25 km) por peti eventuale foton, mi ricevis la jenan nekuraĝigan respondon: “Ne, mi ne estas de Báčsky Petrovac, kaj neniam mi estis tie ”.

La solvon mi trovis en artikoloj de Vikipedio. Tiu urbeto estas nun en Serbio. Kiel Nitra, ĝi havis iom kompleksan historion. En 1745 slovakoj alvenis. Ĝis fine de la 1-a mondmilito la loko apartenis al Hungario, poste al la Reĝlando de serboj, kroatoj kaj slovenoj, ekde 1928 al Jugoslavio, ekde 2006 al Serbio. En 2002 loĝis en la urbo 6727 homoj (interalie slovakoj 5549 (83 %), serboj 573 (9%), aliaj eksjugoslavianoj 169). Kaj jen urbeto en Serbio kun majoritato de Slovakoj! Bački Petrovac estas aldone ĝemeligita kun tri aliaj slovakaj urboj: Martin, Ružomberok kaj Stará Ľubovňa. Ĝi delonge strebas vivigi la slovakan kulturon kaj kreis plurajn kulturajn instituciojn, kiuj rilatas al la slovaka kulturo: kultura instituto, kiu organizas ĉiu-jare folkloran festivalon kaj gastigas nacian muzeon de Bački Petrovac, imponan slovakan biblioteko, slovakan teatron de Vojvodino. Loka galerio organizas ekspoziciojn, i.a. la bienalon de slovakaj artistoj en Serbio. Jen kiel oni malkovras fascinan parton de la etna kaj kultura mozaiko de Mezeŭropo.

El n-ro 596-7 de “le Monde de l’ESPERANTO”

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Invito al la 4-a Foto-ekspozicio “Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo”

Seulo estas la ĉefurbo de Korea Respubliko, duafoje gastigos la UK-on, nome la 102-an UK okazontan inter la 22-a kaj 29-a julio en 2017. Dum la kongreso okazos la 4-a Foto-ekspozicio “Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo”, nome la Foto-ekspozicio “Ĝemelaj Urboj de Seulo”.

Seulo havas ĝemelan rilaton kun 33 urboj en 26 landoj (laŭ la Esperanto-versio en Vikipedio, vidu sube). Kelkaj samideanoj reagis al la ekspozicio, i.a Albanio kaj Uzbekio sendis fotojn. Pri la foto-ekspozicio ni atentigas vin:

**1. Foto-kvanto:** du：unu pri la urbo mem. La alia pri la Esperanto-movado (se tie troviĝas esperantistoj aŭ Esperanto-grupo)

**2. Limdato**: la 15-a de majo 2017

**3. Ricevanto:**

(1) **s-ino Raymonde Coquisart** kun la retadreso raymonde.coquisart@yahoo.fr respondecas pri ricevado kaj traktado de fotoj, kaj sendos ilin al s-ino CHO Myung-ja post la limdato.

(2) **s-ino Cho Myung-ja** kun la retadreso ds2edr@daum.net, repondecas pri presado de fotoj kaj aranĝo de la ekspozicio, samtempe surprenas kolekton de fotoj, kiuj temas pri aktivaĵoj de la Seula Filio de Korea Esperanto-Asocio, precipe pri kontaktoj kun la ĝemelurbaj Esperanto-organizaĵoj.

**4. kunordiganto:** s-ro HO Song kaj S-ro WU Guojiang kune kunordigos priajn aferojn.

**5. Organizanto:** Loka Kongresa Komitato de la 102-a UK kaj la projekto Ĝemelaj Urboj de UEA

Estimataj, Ni kore invitas vin partopreni en la ekspozicio se vi estas esperantistoj en

ĝemelaj urboj de Seulo (sube vidu la liston); Ni sincere esperas ke vi povas helpi nin informi ilin pri tio, se vi estas konatoj de esperantistoj el ĝemelaj urboj de Seulo.

Krome tio estos ne nur granda instigo al la kongresanoj, sed signifa kontribuo al Esperanto-apliko en la ĝemelurba agado se esperantistoj en ĝemelaj urboj de Seulo povas informi sian urbodomon pri la kongreso kaj konsideros kunporti aŭ sendi la gratulleterojn de la propraj urbestroj al la kongreso aŭ al la urbestro de Seulo.

Estimataj, ni atendas vian partoprenon.

HO Song, ĝenerala sekretario de LKK de la 102-a UK kea@esperanto.or.kr

WU Guojiang, komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj ghemelurboj@sina.cn

La listo pri ĝemelurboj de Seulo

| Nombro | urbo/lando/ĝemeliĝa tempo | Nombro | urbo/lando/ĝemeliĝa tempo |
|---|---|---|---|
| 1 | Rio-de-Ĵanejro, Brazilo (1960) | 18 | Ulanbataro, Mongolio (1995) |
| 2 | Tajpeo, Tajvano (1968), Ĉinio | 19 | Hanojo, Vjetnamio (1996) |
| 3 | Ankaro, Turkio (1971) | 20 | Varsovio, Pollando (1996) |
| 4 | Gvamo, Usono-Gvamo | 21 | Kairo, Egiptio (1997) |
| 5 | Honolulu, Usono (1973) | 22 | Ottawa, Kanado (1997) |
| 6 | San Francisco, Usono (1976) | 23 | Romo, Italio (2000) |
| 7 | São Paulo, Brazilo | 24 | Astana, Kazaĥio (2004) |
| 8 | Tehrano, Irano (1977) | 25 | Ateno, Grekio (2006) |
| 9 | Bogoto, Kolombio (1982) | 26 | Bankoko, Tajlando (2006) |
| 10 | Ĝakarto, Indonezio (1984) | 27 | Vaŝingtono, Usono (2006) |
| 11 | Tokio, Japanio (1988) | 28 | Vancouver, Kanado (2007) |
| 12 | Moskvo, Rusio (1991) | 29 | Mumbai, Barato (2009) |
| 13 | Parizo, Francio (1991) | 30 | Bau-Bau, Indonezio (2010) |
| 14 | Pekino, Ĉinio (1992) | 31 | Taŝkento, Uzbekio (2010) |
| 15 | Karakaso, Venezuelo (1992) | 32 | Bonaero, Argentino (2010) |
| 16 | Tegucigalpo, Honduro | 33 | Tirano, Albanio (2010) |
| 17 | Meksikurbo, Meksiko (1993) | | |

## SERVA PLATFORMO




### Seslingva konversacia libro

18 fakuloj kaj erudiciuloj el Ĉinio, Rusio kaj Usono partoprenis en la verkado de la 251-paĝa seslingva konversacia libro “100 Frazoj: Ĉina, Angla, Rusia, Korea, Japana kaj Esperanto”. La komisiito respondecis pri ĝia Esperanto-versio. Ĝi eldoniĝis en junio 2015. Ĝi estas la unua konversacia libro kun ses lingvoj kaj estas tiel alloga. La unuaj 5000 ekzempleroj elvendiĝis. La ĉefaj aĉetantoj estas turismaj kompanioj. Kontaktu la komisiiton se oni interesiĝas pri ĝi.